# La Karavelo

Beletra Esperanto-Revuo pri la Portugallingva Literaturo

n-ro 007
aprilo 2008

Fondita de João José Santos, en Portugalio, en oktobro 2007




## Don Johano La Sesa

*Ĉu fuĝinto aŭ heroo?*

***"Dom João VI e Dona Carlota Joaquina"***
***Manuel Dias de Oliveira*** **(1815)**

# La Karavelo n-ro 007
# aprilo 2008





www.esperantopt.com

http://groups.google.com/group/lakaravelo

lakaravelo@gmail.com

## Kolofono


**Konstantaj verkistoj...**
Eduardo Novembro
Edward Jaśkiewicz
Francisco Stefano Wechsler
Geraldo Mattos
Gerrit Berveling
Imre Szabó
Irina Mironova
João José Santos
Leo De Cooman
Luiza Carol
Nikolaj Neĉaev
Paulo Sérgio Viana
Roger de Castro Gotardi
Tibor J. Szabadi
Valentin Melnikov

**Proprietulo, Direktisto, Redaktisto, Kompostisto**
João José Santos
**Asistanto pri dramo kaj pentrarto**
João Pereira dos Santos
**Reviziistoj**
Roger de Castro Gotardi
Kurt Fischer

**Telefono:** +351 268 919 000
**PoŝTel.:** +351 960 13 15 15

**Adreso:**
LA KARAVELO
Fonte Velha, caixa 3003
7100-078 Estremoz – Portugal

**Recenzeblaj libroj:** estu sendotaj al la supra adreso.

**Reguloj:** Pri la principoj, labormaniero kaj reguloj de La Karavelo, nepre elŝutu la dosieron Regularo de La Karavelo, el la ĉefa paĝo de nia retejo. Ĝi estas konstante aktualigata.

El la redaktejo...



# La Karavelo navigis el la reto al la konkreta mondo.

de João José Santos



João José Santos antaŭ la komenco de la kultura sesio, en Estremozo, Até Jazz Café, 26-an de aprilo 2008.

foto de João Pereira dos Santos

## LA PRINTEMPO DE L.K. EN ESTREMOZO

En aprilo 2008, La Karavelo navigis el la reto al la konkreta mondo. Nun, parteto de la loĝantaro de Estremozo jam estas informata pri la fondo de la eldonejo kaj revuo La Karavelo en ĉi tiu urbo, pri la rolo de esperanto en ĉi tiu mikroentrepreno, kaj pri la projektoj de L.K. La urbodomo, la loka radistacio, la du lokaj gazetoj, la plej granda tipografio de la urbo, kaj la kafejo *Até Jazz Café,* jam estas tuŝitaj de niaj veloj, kiuj daŭre insistos krei partnerecojn kun tiaj kaj aliaj institucioj.



Detalo de la ĉeestantaro. Kun la fotilo, Eddy Raats, belga esperantisto gastanta ĉe la portugala esperantisto Miguel Boieiro, malantaŭ Eddy.

foto de Maria do Carmo dos Santos Neves

## KULTURA SESIO PRI ESPERANTO KAJ PRI LA KARAVELO

En la 26-a de aprilo, kiel anoncite, esperanto kaj La Karavelo estis prezentataj al ĉirkaŭ kvindek homoj, kiuj alcele iris al *Até Jazz Café*, kaj tie restis dum ĉirkaŭ du horoj. Duono de la ĉeestantoj estis venintaj de Lisbono (180km for) kaj ĉirkaŭaĵoj; la alia duono estas loĝantoj de Estremozo.

Unue, kaj mallonge, la preleganto sin prezentis, dankis la urbodomon, la kafej-estrojn kaj la alvenon de la aŭskultantaro. Poste, estis projekciitaj tri *OpenOffice*-prezentaĵoj (simile al *PowerPoint*). La unuaj du estis pri esperanto (kiel internacia lingvo laŭcele arkitektita por esti rilatlingvo inter la popoloj), pri la avancoj de esperanto en interreto, kaj pri la strukturo de esperanto. Tuj poste, aperis prezentaĵo pri la revuo kaj eldonejo La Karavelo, kies projekto ligos Estremozon al esperantio. En la fino, oni plilumigis la salonon, kaj la homoj povis libere demandi pri esperanto, kaj doni siajn opiniojn pri la aferoj pritraktitaj. Inter la ĉeestantaro, estis ses esperantistoj: João José Santos, João Pereira dos Santos, Miguel Boieiro, Manuela Boieiro, Eddy Raats, flandro kiu hazarde gastis tiam ĉe la familio Boieiro, kaj Jorge Branco, malnova esperantisto loĝanta en Estremozo. Plej interesaj estis la elparoloj de Eddy Raats, tuj interpretataj jen de Boieiro jen de Santos, kaj la elparoloj de Branco, kiu montris grandan entuziasmon. Unu ukrajnino kaj unu brazilanino, inter la ĉeestantaro, donis al la evento iom pli da internacieco.




*La unua kolekto de La Karavelo (numeroj 1 ĝis 6). Live la antaŭbindo, dekstre la postbindo.*

*foto de JJS*

Aperis demandoj tre diversaj: pri la maniero uzi la vortojn kaj konceptojn de filozofio en esperanto, pri la specifaj vortoj uzataj de ĉiu popolo (kiel la vorto "saŭdado"), pri la defendo de la portugala lingvo antaŭ la angla invado, pri la defendo de ĉiuj etnaj lingvoj inkluzive de la angla, pri Oomoto, pri la elekto de Estremozo por esti la lulurbo de La Karavelo, ktp. Demandoj kaj intervenoj faritaj en libereco, kun vera intereso, en bona etoso. Ĉe la fino, kelkaj el la ĉeestantoj lasis siajn kontaktilojn sur presaĵo anticipe preparita por tiu celo. Kompreneble, tiuj homoj estos kontaktitaj por informoj kaj agoj rilatantaj esperanton kaj La Karavelon. Tiam, multaj homoj spontane dankis kaj montris sian aprezon por la sesio, por esperanto kaj por La Karavelo.

Post la evento, multaj el tiuj partoprenantoj daŭre restis kunaj en pentrarta ekspozicio, kiu hazarde okazis tiam en alia konstruaĵo de la sama urbo.

### LA REGIONAJ AMASKOMUNIKILOJ

En la aŭskultantaro estis Inácio Grazina, direktisto de unu el la plej antikvaj gazetoj de Alenteĝo, veninta tien, ĉar estis liverataj flugfolioj, invitantaj al tiu kultura sesio, en la sidejo de la preskaŭjarcenta gazeto *Brados do Alentejo*. La sama flugfolio estis liverata ankaŭ en la gazeto *Ecos* (kiu aĝas ĉirkaŭ du jaroj) kaj en la radistacio de Estremozo, *Rádio Despertar.* Tamen, Grazina estis la ununura ĵurnalisto, kiu honoris la eventon per sia ĉeesto. La direktisto de *Brados do Alentejo* verkis objektivan noticon pri ĉi tiu kultura sesio (en duono de gazetpaĝo, kun foto), kaj ĝin aperigis, en tiu gazeto, en la 2-a de majo 2008. La notico povos esti legata, kiel eble plej baldaŭ, en la portugala, en la retejo de La Karavelo:

http://www.esperantopt.com/dosieroj.html

*Rádio Despertar*, laŭ posta informo de unu el siaj kunlaborantoj, anticipe radisendis la noticon pri la okazo, invitanta al la partopreno. Tiu notico povos esti aŭskultata en la supra retadreso, postkiam tiu radistacio liveros la koncernan dosieron *mp3* al La Karavelo.

### OH... LA PLEZURO TUŜI PAPERAN REVUON, EĈ SE NIGRABLANKAN!

La papera eldono, danke al la subteno de la urbodomo de *Estremoz*, aperis kaj estas nun ekspedata al la legantoj.

La Karavelo dankas al ĉiuj, kiuj mesaĝis kaj leteris al la urbestro D-ro José Alberto Fateixa, dankante lian apogon. Baldaŭ tiuj mesaĝoj estos papere kompilitaj kaj

donacotaj al li, kune kun ekzemplero de la unua sesopo de La Karavelo, kaj kun fotokopio de la artikolo aperinta en *Brados do Alentejo*, kiu certe jam estis legita de D-ro Fateixa, ĉar kutime *Brados do Alentejo* estas legata de granda nombro da homoj loĝantaj en Estremozo.

## NE NUR ULISO PERIPLIS

La direktisto de La Karavelo intencas peripli tra Portugalio informante pri esperanto kaj pri La Karavelo. En la proksima lernjaro, unu el la gravaj eroj de la LK-agendo, estas la instruado de esperanto en diversaj lernejoj, kaj eventuale en aliaj lokoj, en Portugalio. Sen disvastigo kaj instruado ne estiĝas literaturaj legantoj. Se La Karavelo volas plinombrigi siajn legantojn, en Portugalio, ĝi devas fari tian laboron, ĉar neniu alia instanco aŭ homo faras tion en ĉi tiu lando.

La ĝemeligadon de Estremozo kun aliaj eŭropaj urboj oni devas prepari, por doni motivojn al la urbanoj por la lernado de esperanto. La ĝemeligado estas enkadrita en la plano starigi jarajn renkontiĝojn en Estremozo, nomiĝantaj *Kunveno de la Navigantoj*, en kiuj la partoprenantoj amuziĝas, lernas kaj turistas. Esperanto estas internacia lingvo, kaj do, en lando unulingva, oni devas krei la neceson uzi esperanton, se oni volas ke la homoj lernu ĝin.

Certe kelkaj konsideras ĉi tiujn projektojn tro ambiciaj. Tute ne. Ambicion havis Zamenhof kiam, en sia eta Bjalistoko, pensis pri lingvo iam uzota de la tuta homaro en la internaciaj rilatoj. La esperantistoj ne povas perdi la entuziasmon, la esperan verdon, la fidon al la eblecoj de nia lingvo, de nia tradicio, de nia kulturo, de nia movado, kaj de ni mem. Ni supervenku la epidemion de la malvenkismo, de la malkuraĝo, de la kredaĉo, ke ekzistas landoj aŭ lokoj, kie esperanto ne ĝermas. Ne ekzistas aĉaj grundoj por la esperanta ĝermado. Kio ekzistas, estas manko de adekvataj strategioj kaj manko de idealismo, ĉar estas pli facile mallevi la brakojn kaj sin konsideri unika en sia regiono, ol iri al la lukto, batali, labori, malvenki, sin levi denove, insiste kaj persiste, ĝis la trovo de la ĝusta vojo por enkonduki esperanton en sian regionon. La malvenkisma teniĝo estas socia malsano, kiu




iom post iom enradikiĝas en la esperanto-movado, kiu tiel riskas perdi sian esperan elanon, kies simbolo estas la verdo; kaj perdi sian celon, simbolitan de la kvinpinta ora stelo. Multaj diras: tio estas forpasinta! Sed mi asertas: Ne! Ne! Kaj Ne! Kio forpasas, estas la kadukeco, ne la entuziasmo! Se unuflanke, mi agnoskas, ke la nuna tempo ne ŝatas la flagojn kaj la insignojn, aliflanke la valoroj kaj konceptoj, kiuj estis antaŭe reprezentataj de tiuj simboloj, ne mortis; ili nur devas trovi aliajn vestojn por adaptiĝi al la moderna mondo.

*   *   *

La projektoj kaj la farendaĵoj por daŭrigi ĉi tiun literaturan revuon kaj ĝian retejon, por komenci libro-eldonadon, por disvastigi esperanton, por instrui ĝin kreante novajn esperantistojn, kaj por transformi La Karavelon en laŭleĝan mikroentreprenon, certe foje malfruigos la aperon de la revuo. Tamen, kun la dia helpo, la ŝipo ĉiam venos. Do, restu sur la kajo, ĉar ***la karaj veloj*** daŭre aperos en la horizonto, blovataj de ventoj, foje facilaj foje spitaj. Eĉ se bolinante (vidu LK_001, paĝo 4), La Karavelo flanke navigos kun oblikvaj veloj, preskaŭ tuŝantaj la glaŭkajn salajn ondojn, herolde portante literaturaĵojn, por ke vi revu la pli bonan mondon konstruatan de la pacaj batalantoj.



**LA KARAVELO BEZONAS VIAN ABONON!**

**PRENU LA ABONILON EL**

**WWW.ESPERANTOPT.COM**

El la portugala muzo...

# Mesaĝo

**de Fernando Pesoo**

***trad. João José Santos,***
***el la portugala kaj el la latina***

## DUA PARTO - PORTUGALA MARO

*Possessio maris.*
*(La posedo de la maro.)*

### 1. LA INFANTO

Dio volas, la hom' revas, verkiĝas.
Dio volis ke Ter' estu nur unu,
ke unuigu l' mar', ne plu disigu.
Vin sanktis, kaj montradis vi la ŝaŭmon,

kaj blanka orlo iris de lok' loken,
helis kaj fluis ĝis la mondofino,
kaj jen la tuta Tero, jen subite,
aperis ronda, el fona lazuro.

Kiu vin sanktis, vin portugal' kreis.
Pri l' mar' kaj ni, en vi, al ni signalis.
Iĝis la Mar', maliĝis l' Imperio.
Sinjor', mankas la temp' Portugalia!



*"Sunsubiro en la maro"*

*Kensett (1872)*

### 2. LA HORIZONTO

Ho mar' nin antaŭinta, viaj timoj
havis koralojn kaj plaĝojn kaj arbojn.
Komprenitaj la noktoj kaj nebuloj,
pasigitaj mistero kaj turmentoj,
burĝonis la Forego, kaj Sud' astra
la navojn[1] superravis inicitajn.

Linio akra de marbordo dista;
kiam la nav' apudas, dekliv' staras
kun arboj malvideblaj de la Foro;
ĉeloke sonas-buntas ter' aperta;
kaj elŝipiĝe jen birdoj kaj floroj,
kie de for stis nur lini' abstrakta.

La rev' stas vidi nevideblajn formojn,
malprecize de for, kaj kun senseblaj
moviĝoj de espero kaj de volo,
serĉi en frida horizont-linio
la plaĝon, arbon, floron, birdon, fonton,
la kisojn merititajn de la Vero.

### 3. ŜTONMARKO

La klopod' grandas kaj la homo etas.
Mi, navigisto Djogo Kano[2], lasis
ĉe la sablaro bruna ĉi ŝtonmarkon
kaj mi antaŭen navigadis.

L' anim' stas Dia, l' verko neperfekta.
Ĉi ŝtonmark' montras al ĉiel' kaj vento,
ke mian parton el la brava verko
mi faris: la ceter' stas Dia.

Kaj al l' vasta kaj ebla oceano
instruas l' Kvinoj[3], kiujn vi ĉi vidas,
ke fina mar' romia stas aŭ greka:
la mar' senfina ja stas portugala.

Kaj diras l' alta Kruc', ke l' anim' mia,
kiu sopiras febre al navigoj,
nur en Di' trovos, en l' eterna paco,
neatingeblan la havenon.

---

1 Navo estis tipo de portugalia ŝipo, uzita en la maraj malkovroj, ekde la 15-a jarcento. Ĝi estis multe pli granda ol karavelo, portante multe pli da viroj kaj da varoj.
2 Esperantigo de la nomo de la fama portugala navigisto "Diogo Cão" ['djogo kɐ̃w].
3 Aludo al eroj de la portugala blazono: "quinas".

*El la fora latina...*



# *La Herodo de Fleury*

*trad. Gerrit Berveling, el la latina*

## ENKONDUKETO

Mezepokaj Latinlingvaj dramigoj de la okazaĵoj ĉirkaŭ la naskiĝo de Jesuo konserviĝas en multaj manuskriptoj en multaj preĝejaj kaj monaĥejaj bibliotekoj, ekde la nordo de Eŭropo ĝis Sicilio. Ili sufiĉe varias en detaloj, sed senescepte enhave tre identas unu je la alia. Kelkfoje ni posedas klaran impreson pri la maniero en kiu oni prezentis ĝin (eĉ kun muziknotoj kaj atentigoj de reĝisorado); alian fojon la tuto postrestas nur tre lakunece.

Unu el la plej komplete konservitaj ekzemploj — kun notoj por la kantado — estas la sube prezentita *Herodo de Fleury*. En la nuna kadro ne estas senchave doni la kompletan notaron, sed almenaŭ kelkajn erojn oni vidu ĉi-apude.

Ĝia teksto estas konata kiel *MS 201* de la municipa biblioteko de Orléans; ĝi estis verkita ĉirkaŭ la jaro 1200 kaj uzata en la monaĥejo de *Saint-Benoît-sur-Loire* (Sankta Benedikto) en *Fleury*. Fakte ne eblas vere difini, el kiu tempo devenas la teatraĵo, ĉu el la 11-a aŭ la 12-a jarcento. Certasence ĝi estas nur stadio en plurjarcenta daŭre evoluanta vivigado de la sanktaj misteroj ĉirkaŭ la Homiĝo de la Dua Persono de la sankta Triunuo. Ĉar kvankam por pluraj nuntempuloj tio eble sonas iom strange, oni ne forgesu, ke en tiu Mezepoka monaĥeja medio verŝajne ne estis eble pensi alimaniere pri la temo ĉi-sube prezentata.

La primaraj fontoj por la detaloj de la ludo estas kompreneble la bibliaj evangelioj, unuavice *Laŭ Mateo* kaj *Laŭ Luko*; sed ankaŭ la apokrifaj *Historio pri la infanaĝo de nia Savanto*, la *Praevangelio laŭ Jakobo*[1] kaj la *Pseŭdo-evangelio laŭ Mateo* estis tiumedie regule legataj. Per iliaj legendoj la tiutempaj verkistoj ofte ornamis siajn tekstojn.

Enestas en la teksto pluraj ekzemploj de *ĉentono*[2]. Eblas rekoni citojn el la evangelioj, sed ankaŭ el Vergilio kaj liturgiaj kantoj.

Pri la prezentado, oni imagu al si, ke la tuto okazas en granda preĝejo, ke plurloke dumprezentade enestas kvazaŭ procesioj, ke ĉiuj rolantoj estis alivestitaj — ofte ankaŭ ŝminkitaj; ekzemple unu el la magoj (ankaŭ nomataj la *Tri Reĝoj*) tradicie estis la "nigra reĝo el maŭrolando" — kaj precipe atentindas por nia kompreno, ke tiuepoke ĉiujn rolojn ludis viroj. Por inaj roloj oni kutime utiligis knabojn, kutimo kiu restis en Eŭropo normala minimume ĝis en la 17-a jarcento ĉe la prezentadoj de Shakespeare. Tamen, precipe en monaĥinejoj, prezentadoj kun inaj rolantoj, kvankam nekutimaj, ne estis absolute maleblaj.

Depost la 7-a jarcento en okcidenta Eŭropo ne plu ekzistis antaŭjuĝo kontraŭ la uzado de instrumenta akompano de liturgiaj kantoj. Do plurajn instrumentojn oni povis uzi.

La ĉefa celo kompreneble ne estis amuzi la publikon. Male, temis pri religia travivaĵo. Ofte tiaĵoj estis farataj kiel parto de liturgia celebro. Dum la meso aŭ dum la monaĥejaj *horoj*, mallongaj ludoj pormomente povis interrompi la kutiman disvolviĝon; kelkfoje, precipe se ili estis pli ampleksaj, ili feste finis la celebraĵon. Tiel oni povas supozi, ke la *Herodo* origine estis destinita por fini la matutinon, ĉar la komuna apogea kantado de *Te Deum* formas ĝian lastan scenon. Matutino estas la unua, la plej longa kaj la plej solena el la sep kanonikaj *horoj* de la monaĥeja tago kaj ĉar dum ĝi kutime en la bibliaj legaĵoj oni atentas la tiam aktualan fazon de la liturgia jaro, estas des pli kompreneble, ke ĝuste tiun *horon* oni elektis por dramigi la saman temon.

## TRADUKO

| **Dramatis personae:** | armita viro |
|---|---|
| anĝelo | Herodo |
| ĉiela ĥoro | viroj de Herodo |
| paŝtistoj | ĉefpastroj |
| du akuŝistinoj | skribistoj |
| tri magoj | filo de Herodo |

1 Aperis traduko ĉe VoKo.

2 Interlaĉado de citaĵoj el diversaj fontoj, per kiu oni prezentas sian propran rakonton.

**Komenciĝas la teatraĵo *Herodo*:**

Kiam Herodo kaj la ceteraj personoj pretas, aperas anĝelo kun ĉiela amaso. Je tiu vido la paŝtistoj ektimas; la anĝelo jene salutas ilin, dum la ceteraj ankoraŭ silentas:

*Ne timu. Mi ja havas bonan mesaĝon por vi, grandan ĝojon por tuta la popolo. Hodiaŭ naskiĝis la savanto de la mondo en la urbo de David: infaneton vi trovos vindita, kuŝanta en trogo, meze de du bestoj.*

Kaj subite la tuta amaso diras kun la anĝelo:

*Gloron al Dio en la plej alta ĉielo, kaj surtere pacon en homoj de bona volo, haleluja, haleluja.*

Nur tiam ili ekstaras, kaj kantas subvoĉe *Ni iru* ktp, kaj tiel ili iras al la stalo, kiu pretas ĉe la pordo de la monaĥejo:

*Ni iru al Betlehem, por rigardi kio okazis, kion faris kaj konigis al ni la Sinjoro.*[3]

Tiam du virinoj, kiuj gardas la stalon, pridemandas la paŝtistojn per la vortoj:

*Kiun vi serĉas, paŝtistoj? Diru do.*

La paŝtistoj respondas:

*La savanton Kriston, la Sinjoron, la infanon vinditan laŭ la diro de la anĝelo.*

La virinoj:

*La etulo estas ĉe sia patrino Maria; pri tio la profeto Jesaja jam antaŭdiris: Jen virgulino gravediĝos kaj naskos filon.*

Tiam la paŝtistoj, vizaĝaltere, ekadoras la infanon per la vortoj:

*Saluton, Reĝo de la Jarcentoj!*

Poste, leviĝante, ili invitas la ĉeestantan popolon adori la infanon, per trifoja kanto:

*Do venu, venu, venu, ni adoru Dion, ĉar li estas nia savanto.*

Intertempe la magoj alvenas, ĉiu de sia angulo kvazaŭ el sia regiono; antaŭ la altaro ili kuniĝas ĉe la leviĝejo de la stelo. Alproksimiĝante la unua kantas:

3 La gregoria kanto *transeamus usque Bethlehem* estas ankoraŭ konata.



*Fulmobrile lumas la stelo,*

La dua:

*Montras la Reĝon de l' Reĝoj naskita,*

La tria:

*Kies venon aŭguris profeto.*

Tiam, starante flank-ĉe-flanke, la dekstra diras al la maldekstra: *Pacon al vi, frato*, kaj tiu respondas: *Pacon same al vi*, kaj ili interŝanĝas kison[4]. Same la meza koncerne la maldekstran kaj la dekstran. Ĉiu salutas:

*Pacon al vi, frato.*

Ĉiu respondas:

*Pacon same al vi.*

Tiam ili montras unu al la alia la stelon. La unua kantu:

*Jen la stelo!*

La dua:

*Jen la stelo!*

La tria:

*Jen la stelo!*

Kiam la stelo ekiras, ili sekvas ĝin, kantante:

*Ni iru do kaj serĉu lin, prezentante donacojn al li, oron, incenson kaj mirhon; ĉar ni scias, ke estas skribite: Adoros lin ĉiuj reĝoj, ĉiuj popoloj servos lin.*

4 La liturgia pac-kiso.

Venante al la pordo de la ĥorejo, ili pridemandas la ĉeestantojn:

*Diru al ni, ho civitanoj de Jerusalem, kie estas la espero de l' nacioj? Kie naskiĝis la Reĝo de l' Judoj, kiun per liaj ĉielaj signoj ni rekonis kaj nun venas adori?*

Tion vidinte, Herodo sendas al ili armiton por diri:

*Kiu novaĵo okazis, kiu kialo vin pelis*
*treti vojojn tutfremdajn? Kien vi ja survojas?*
*Kie 'stas via deven'? Via hejm'? Ĉu pacon aŭ armojn?*[5]

La magoj respondas:

*Ĥaldeoj ni estas;*
*ni pacon alportas.*
*Reĝon de l' Reĝoj ni serĉas*
*kies naskiĝon la stelo indikas,*
*kiu pli lume brilas ol la ceteraj.*

La armito, reirinte, salutas la reĝon. Surgenue li kantas:

*Vivu la Reĝ' poreterne!*

Herodo:

*Savos vin mia graco.*

La armito, al la reĝo:

*Venis, reĝo, tri nekonataj viroj el oriento por serĉi iun ĵus naskitan reĝon.*

Tiam Herodo sendas heroldojn aŭ legatojn al la magoj, kun la vortoj:

*Bonaj serĉantoj, serĉu do kiuj estu ĉi reĝoj.*
*Bone atentu, ĉar ĉi-regione jam flustroj disiras.*

La legatoj al la magoj:

*Siroj! Pro ordon' de la reĝo ni venas vin peti,*
*kien celas via vojaĝo, de kie vi venis.*

La magoj:

*Reĝon ni serĉas, kiun al ni indikis la stelo,*
*kaj ni rapidas por lin adori per niaj donacoj.*

La heroldoj, reirinte al Herodo:

*Ili 'stas reĝoj Arabaj. Kaj kun donaco triobla*
*ili serĉas reĝan infanon, ordone de stelo.*

Herodo, sendante la armiton al la magoj:

*Ilin unue venigu al mi, ke mi aŭdu precize*
*kiuj 'stas, kial alvenas kaj kiesordone serĉante.*

La armito:

*Laŭordone, ho reĝ' nia fama, tio okazos.*

La armito, al la magoj:

*Reĝa komand' vin instigas. Do iru sen ajna hezito.*

La armito, kondukante la magojn al Herodo:

*Jen alvenas la magoj,*
*kaj gvidate de l' stelo, la reĝon ili serĉadas.*

Herodo, al la magoj:

*Kio kaŭzis vin iri? Vi kiuj? De kie vi venas?*
*Diru do!*

La magoj:

*Nin vojaĝigis reĝ'; ni mem 'stas reĝoj Arabaj*
*kiuj alvenas.*
*Serĉas reĝon ni jen, pri ĉiuj regantoj regantan,*
*kiun — ĵus naskitan — mamnutras Juda virgino.*

Herodo, al la magoj:

*Kiu signo informis, ke tiu reĝo naskiĝis?*

La magoj:

*Stel' oriente montris, ke jen li estas naskita.*

Herodo:

*Se vi kredas lin reĝo, tion klare do diru.*

La magoj:

*Rekonante, ke li estas reĝo, ni alvenas de malproksima regiono kun mistikaj donacoj por adori lin, por reverenci la triunuan Dion per tri donacoj.*

Kaj ili montras siajn donacojn. La unua diras:

*Oron por la reĝo.*

La dua:

*Incenson por la Dio.*

5 Iom adaptita cito el Vergilio — Eneado 8: 112-114.

La tria:

*Mirhon por la mortemulo.*

Tiam Herodo ordonas al la pastroj, kiuj sidas apud li en junulaj vestaĵoj, ke ili alvenigu la skribistojn, kiuj — longbarbaj — pretas en flanka ejo:

*Vi, miaj pastroj, alvoku la fakulojn pri la Leĝo, por ke en la profetoj ili serĉu, kion ili diras pri ĉi tio.*

La pastroj al la skribistoj, kiujn ili alvenigas kun la libroj de la profetoj:

*Ho fakuloj pri la Leĝo, vi estas alvokitaj al la reĝo. Venu rapide kun la libroj de la profetoj!*

Post tio Herodo pridemandas la skribistojn:

*Ho vi skribistoj, mi vin pridemandas. Diru, ĉu ion vi trovas en la libro pri tiu ĉi knabo?*

Tiam la skribistoj malvolvas la libron, kaj finfine, trovinte ion, kio aspektas kiel profetaĵo, ili kantas *Sinjoro, ni vidis*, kaj fingre indikante la lokon, al la nekredema reĝo ili enmanigas la libron:

*Sinjoro, ni vidis en la profetaĵoj, ke la Kristo naskiĝos en Betlehem en Judajo, en la urbo de David, ĉar tiel antaŭdiris la profeto:*

Ĥoro:

*Betlehem, vi ne estas la malpli granda inter la ĉefoj de Jehuda, ĉar el vi eliros iu por gvidi mian popolon Izrael; li savos sian popolon de ĝiaj pekoj.*

Herodo, vidinte la profetaĵon, koleriĝante forĵetas la libron. Sed lia filo, kiu aŭdas la tumulton, aperas por kvietigi la patron kaj salutas lin, sen genuiĝo:

*Nobla patro, sanu vi!*
*Reĝ' mirinda, sanu vi!*
*Kun la sceptro regas vi*
*tutan teron ja sen lim'!*

Herodo:

*Mia filo, ho amat'*
*inda je ĉi alta stat',*
*vi kun reĝpompa brokat'*
*brilas prave en la ŝtat'.*
*Reĝ' naskiĝis, kiu pli*
*fortas ol ni; timas mi,*
*ke li pro la providenc'*
*nin forpelos de l' potenc'.*

La filo, malŝatante Kriston, proponas venĝi sin, kantante:

*Kontraŭ tiu et-vasal'*
*kontraŭ bebo en la stal',*
*paĉjo, sonu la signal':*
*sendu min al ĉi batal'.*

Herodo nur tiam forsendas la magojn, por ke ili serĉu la knabon, kaj antaŭ ili li ŝajnigas deziri honori la novnaskitan reĝon, kantante:

*Iru kaj serĉu la knabon diligente,*
*kaj trovinte, revenu min informi,*
*por ke ankaŭ mi lin adori iru.*

La magoj foriras kaj la stelo, kiun Herodo ankoraŭ ne vidas, aperas al ili. Reciproke ili ĝin montras unu al la alia, kaj ili ĝin sekvas. (Kiam Herodo kaj lia filo ekvidas la stelon, ili elingigas la glavon):

*Jen la stelo, kiun en oriento ni vidis, brila nin antaŭlumas!*



Intertempe la paŝtistoj revenas de la stalo, kaj dumire ili gaje kantas:

*Ho ĉiela reĝo! Ĉu la honoroj decas por li? Kuŝas en stalo li, kiu subtenas la mondon. Kuŝas en trogo li, kiu tondras en la nuboj.*

La magoj diras al ili:

*Kiun vi vidis?*

La paŝtistoj:

*Kiel la anĝelo rakontis al ni pri tiu knabo, ni trovis infanon volvita en vindoj kaj kuŝanta en trogo, meze de du bestoj.*

Poste, kiam la paŝtistoj estas for, la magoj plu sekvas la stelon al la stalo, kantante:

*Kiun per propra grandeco ne kapablas ampleksi*
*ĉielo, tero kaj mara senfino,*
*tiu, naskite el virga utero, nun kuŝas en trogo.*
*Pri li kantis profeta voĉo: Tie kune staras bovo kaj azeno.*
*Luma stelo leviĝas, obea al la Sinjoro.*
*Balaam jam diris, ke el la Juda popolo ĝi naskiĝos.*
*Niajn okulojn per sia fulma brilo ĝi blindigas,*
*kaj nin mem ĝi gvidas al la radia lulilo.*

Akuŝistinoj, vidante la magojn, alparolas ilin:

*Kiuj estas tiuj, kiuj stel-gvidate venas rakonti al ni mirindaĵojn?*

La magoj:

*Ni, kiujn vi vidas, ni estas reĝoj de Tarsis, Arabio kaj Ŝeba, kaj donacojn ni alportas por Kristo, la Reĝo, la Sinjoro, kiun stel-gvidate ni venas adori.*

La akuŝistinoj, montrante la knabon:

*Jen la knabo, kiun vi serĉas. Rapide adoru lin, ĉar li estas la savo de l' mondo.*

La magoj, la unua:

*Saluton, reĝo eterna!*

La dua:

*Saluton, Dio de l' Dioj!*

La tria:

*Saluton, savo de l' mortintoj!*

Genuiĝante, la magoj adoras la knabon kaj donas siajn oferojn. La unua kantas:

*Akceptu, ho reĝo, la oron, reĝan simbolon.*

La dua:

*Akceptu la incenson, Vi, vera Dio.*

La tria:

*Akceptu la mirhon, simbolon de l' tombo.*

Post tio, la magoj ekdormas tie, tuj ĉe la trogo, ĝis anĝelo ensonĝe avertas ilin, ke ili reiru al siaj regionoj laŭ alia vojo. La anĝelo kantas:

*Ĉio, kion skribis la profeto, plenumiĝis. Iru, sekvante alian vojon, por ke vi ne kulpu kiel perfidintoj de tia reĝo.*

La magoj, vekiĝante:

*Al Dio dankon! Ni leviĝu do, kaj avertite de l' anĝelo laŭ alia vojo ni evitu Herodon, por ke li ne sciu kion ni vidis koncerne la knabon.*

La magoj foriras, kantante, laŭ alia vojo, ne rimarkate de Herodo:

*Ho mirindaĵo!*
*La Kreinto de la homa raso bonvolis akcepti homan korpon, naskiĝante el virgulino. Kaj tiu viro, estiĝinte sen semo de viro, donacas al ni el sia dieco.*

La ĥoro envenas, kantante:

*Ĝoju, fratoj,*
*Krist' naskiĝis,*
*Di' homiĝis.*

Tiam la kantisto komencas:

*Vin Dio...*[6]

Tio estas la fino.




6 Temas pri la fama himno *Te Deum*.



*El la nederlanda florado...*

## Aĥ alaŭdo

***(sud-nederlande: Ach hemellawerke)***

**de Guido Gezelle, 1859**
**trad. Leo De Cooman**

Aĥ alaŭdo, kie estas vi
  tiel laŭte, longe preleganta,
kie mi ne vidas vin okule,
  kvankam ofte mi jam provis?

Ho se nur sekvi vin mi povus,
  alte ĉielen sur flugiloj kiel vi
iri ĥore kun l' aliaj birdoj
  kaj eskapi el la homa vido!
Tiam kantus mi, ho birdo, kaj ridegus ĝoje
  kaj neniu scius kie
dum kantante preleganta kiel vi
  alte sidus mi sur nuboj!
Hej alaŭdo, besto al mi ĉarma,
  ho, ĉu homo rajtus vin ordoni?
descendu, ĉe min venu, jen malsupre;
  bonvolu momenton descendi!
Se mian lingvon vi komprenus kiel mi la vian,
  tuj vi venus kaj min lasus ... Aĥ, ne helpas!
Kantadas vi, plendon mian malatentas,
  *vi kantas kaj ĉion alian ... vi forgesas! ...*

---



*En karavelo esperantisma...*

## Lumina

**de Imre Szabó**

Brilu tra larmoj la suno
brilu tra suno la larmoj
kara fratino senpatrina
kapreolokula kapreolkora
vidu per larmoj se ne per suno
se ne per suno vidu per la sino

Arboj kreskas per la larmoj
arboj kreskas per la suno
ankaŭ via arbo kreskos
antaŭ via sojlo kie vi sidas
sunovene sunoire
kreskos arbo alta arbo
kun ventoj parolanta
mesaĝojn susuranta
millange milfolie
pri la larmoj ilin kreskigantaj
kaj la ventoj sin alligas
por esti novaj branĉoj
kaj via ventobranĉara arbo
etendos sian savan tendon
sian verdan savon
super la mondo
super la suferoj super la plorantoj
super la luliloj el sia karno
super la ĉerkoj el sia karno

Brilu tra larmoj la suno
brilu tra suno la larmoj
kara fratino senpatrina



*En karavelo esperantisma...*

## Tamen

**de Luiza Carol**

**ni ĉiuj similas unu al la alia**
**samkiel pluveroj**
**samkiel neĝeroj**
**samkiel sableroj**

**tamen**
**rigardu tra grandiga lenso**
**por vidi**
**kiom multe malsimilas**
**pluveroj**
**neĝeroj**
**sableroj**

**rigardu tra grandiga amo**
**por vidi**
**kiom multe malsimilas**
**homoj**

*El la portugala muzo...*



## *El ĉio restas nulo...*

***(odo 104 - 1932-09-28)***

***de Rikardo Rejso,***
***trad. Francisco S. Wechsler***

El ĉio restas nulo. Ni nenias.
Sub suno kaj aer' ni malfruetas
Al la sufoka nigro de l' humila
Sur ni trudota tero,
Kadavroj prokrastitaj sin bredantaj.

Statuoj, leĝoj, odoj tombon havas.
Se ni, karnoj, vesperas, malgraŭ sangon
Donanta ena suno, kial ili
Malsamus? Ni nur estas
Fabeloj farantaj fabelojn, nulo.

---

*Literaturas ruse...*



## *Al la belulino*

***de Vladimir Firsov***

***trad. Valentin Melnikov***

Miaj manoj maltaŭgas por ama kares',
maturiĝis la manoj sen pigra langvoro.
Tiuj manoj portadis ŝtonegojn sen ĉes'
kaj surhavas la kalojn pro pena fervoro.
Miajn manojn asprigis la kruda destin':
plugi kampon printempe kaj semi tritikon.
Al mi donis la manojn mortinta patrin',
por saluti per ili fidelan amikon.
Miaj manoj maltaŭgas... Sed eble – malver'
estas ĉio ĉi ĵus eldirita? Ja certe:
ili vidis neniom da ama sincer',
kaj pro tio do ili karesas mallerte.

*En karavelo esperantisma...*



## *ORO*

***de Edward Jaśkiewicz***

Plej instiga por la koro
estas sak' plena da oro
kaj amikojn ja vi havas,
kiujn via oro ravas.
Sed kontraŭe estas tiam,
se vi havas ĝin neniam.

Oro, via ĉefa celo,
viv' sur tero - la ĉielo!
En or' havas vi dolarojn
kaj sterlingojn, kaj dinarojn,
frankojn, rublojn, jenojn, vonojn,
markojn, zlotojn, levojn, kronojn.
Ne bezonas vi laboron,
se vi havas tiun oron.
En or' ĝojo estas vera
ne ĉiela sed la tera.
Se or' tintas en la sako,
plena estas la stomako,
ĉiuj servas vin ĝentile,
sed ne dormas vi trankvile.
Ĉar hienoj kaj ŝakaloj
trudigemaj animaloj
ĉirkaŭ vi cirkulos ĉiam,
do ripozos vi neniam.
Onasis havante oron
ĉaspredis Ĵaklinan koron.
Ĉi ekzemplo mondkonata
estas ja multobligata.
Do per oro je la fino
"miss" de l'mondo - belulino,
kiel ja ĉio atestas,
atingebla por ni estas.



Hungario bukedas...



de Albert Wass

trad. Tibor J. Szabadi

## En fremda printempo

*(hungare: Idegen tavaszban)*

Ĉu ne, kompano? Hodiaŭ vi sentas:
ĉi tiu printempo ne mia estas.
Dum fremda klimato
ni estas pereaj fruktarboj.

Senfloraj ĉi tie la arbaroj.
Ne bona por ni tie, Samsortulo.
Ventoj kaj birdoj daŭre venas,
sed neniuj nin serĉas.

Kion valoras, ke ni estas fruktarboj,
se frostas sur ni la floro,
dum fremda klimato
ŝimo turmentas kaj musko maĉas?

Niajn radikojn oriente gardas
iu superstiĉa sorĉo,
kaj en tiu fremda printempo
malrapide mortigos la velkado.



En karavelo esperantisma...



de Anja Karkiainen

## Lingvolanĉilo

Lernej' al ni instruas Esperanton,
kaj ĝin la tuta klaso gaje studas.
Ni lernas gramatikon, ĝuas kanton,
vidbendon spektas, skribas kaj rolludas.

Rapide rimarkeblas jen progreso.
Memfidon firman tio al ni donas.
Promesoplena sperto pri sukceso
nin pliajn lingvojn ekposedi spronas.

Lingvolanĉilo
saltotabule nin svingas,
kaj kun facilo
ni lingvoscion atingas.
Ĝue kaj lude
Lingvolanĉilo regalas.
Norde kaj sude
ekkomprenemo egalas.

Infanoj en lernejoj tra la mondo
en siaj klasoj studas jam simile.
Atingos ilin ni per korespondo,
komunajn vortojn uzas ni babile.

Ni aŭdos multon novan pri kulturoj
kaj scivolemon reciprokan trovos.
El inter ni forfalos lingvaj muroj.
Ni fraton en fremdul' ekkoni povos.

Lingvolanĉilo...

*En karavelo esperantisma...*



***de Dimitrije Janicic***

## *Enamiĝinta knabo*



En kapo lian ŝi enloĝiĝis
ĉion miksis kaj movigis
ne scias li kion fari.
Li estas maldorma kaj sonĝas.

Tago tagiĝas li kiam ŝin ekvidas
nokto aperas kiam ŝi foriras.
Li ĉasas stelojn en ŝiaj okuloj
Ĉio estas belkolorita.

Por ŝi li haltigus rotacion de l' Tero
kaj ordonu al ĝi ke rotaciu por ŝi
sed nenion li diris al ŝi
nur rigardas ŝin.

Por ŝi li surgrimpus Himalaojn
trovus novajn universojn
donacus al ŝi la Laktovojon
sed lango lia nodligitis.

Por ŝi li verkis poemon
en kiu li donacis al ŝi printempon
ĉiujn striplibrojn el lia kolekto
kaj sin mem.

La patrino frunton lian palpas
"Filo mia, ĉu vi estas malsana?"
Li blinda de amo
karambolas al pordo.

"Ŝi estas tre bele enpakita malfeliĉo"
– diris li sin, atendante apud la lernejo,
sed kiam ŝi alproksimiĝas
li ektiras ŝian harligon
timigita de amo.

***Dimitrije Janicic***
naskiĝis en 1935 en la vilaĝo Broĉanac (apud Nikŝiĉ en Montenegro). Finis porinstruistan mezlemejon kaj ĵurnalistikon en la Fakultato pri politikaj sciencoj. Laboris kiel instruisto en vilaĝaj lernejoj en Montenegro kaj en la urbo Nikŝiĉ, poste kiel ĵurnalisto en Nikŝiĉ kaj Beogrado.
Esperantistiĝis post konatiĝo kun Marinko Gjivoje en 1959. En la jaroj 1961-1962 instruis Esperanton en lernejo en Nikŝiĉ, kaj en 1963 partoprenis Internacian konferencon de la lernejoj en kiuj Esperanto estas instruata. Laborinte kiel vicredaktoro de revuo "Selo" (Vilaĝo) li aperigis (kun Slavko Ŝimuniĉ el Zagrebo) serion da tekstoj pri vilaĝana vivo en diversaj landoj, peritajn de esperantistoj. Aperigis dekojn da rakontoj en diversaj revuoj kaj gazetoj en iama Jugoslavio. Dum kvar jaroj li estis ĉefredaktoro de "Jugoslavia stelo", kaj dum ok jaroj vicredaktoro de "Jugoslavia fervojisto". Verkoj: "Jugoslavia fervoja muzeo" kaj "Trafiko je la sojlo de la 21-a jarcento" (kun Gvozden Srediĉ). En 1999, en literatura konkurso "Liro", li estis laŭreato pro rakonto "Kavalira anatemo", en 2005 honoris unua premio por poeta konkuro Lunpoezio, 2006 – unua premio en LIRO 2006 por poezio, 2007 – tria premio en EKRA (Bulgario) kaj tria premio por poezio en MUZO en Litovio.
Tradukis rakontojn de Ranko Krstajiĉ, Zoran Živkoviĉ kaj Danilo Mariĉ, verkis multajn artikolojn en "Jugoslavia stelo", "Jugoslavia fervojisto", "Monato", "La ondo de Esperanto", "Beograda verda stelo", "Literatura foiro" k.a.
Li loĝas en Beogrado kiel emerita ĵurnalisto.



*En karavelo esperantisma...*



***de Umberto Broccatelli***

# *Himno al Eŭropo*

Tio ĉi ne estas simpla traduko de la „Himno al la ĝojo" laŭ la teksto de Schiller, sed ĝi estas propono de himno al la eŭropa unueco sur la bazo de la muziko de Beethoven. Por la ritmo mi baziĝis sur la originala germanlingva teksto.

Kantu kune amikaro,
ni la ĝojon festas nur,
nek rivero nek montaro
plu landlimoj estas nun.

Ho Eŭropo, hejmo nia,
tro daŭradis la divid'.
Nun brilegu belo via,
ĉiu estas via id'.

Via flago kunfratigas
homojn post milita temp',
via leĝo nun kunigas
civitanojn en konsent'.

Sub la ŝildo de la juro
ni vivados en konkord'
Tio estas nia ĵuro:
unu land' kaj unu sort'.

Tra l' Malnova Kontinento
nun laŭtiĝu nia kant',
flugu per facila vento
en la lingvo Esperant'!

Jen ekzemplo por la mondo:
jen direkto, jen la voj':
tuthomara granda rondo
en la paco, en la ĝoj'!

***Umberto Broccatelli*** naskiĝis en Romo en 1931. Li doktoriĝis pri industria kemio en Bologna. Nun li estas emerito. Li esperantistiĝis en 1947 kiel memlernanto. Membro de LKK de la 40-a UK en Bologna en 1955. Poste li kunlaboris en la organizado de kelkaj naciaj kongresoj. En 1980 li elektiĝis al la Nacia Konsilio de Itala E-Federacio. De post tiam li seninterrompe estis konsiliano de IEF ĝis 2002 kaj ankaŭ plurfoje membro de la estraro. Li estis redaktoro de "l'esperanto", organo de IEF, de 1989 ĝis 2002. En artikoloj en la revuo kaj dum seminarioj kaj kongresoj, li ofte substrekis la gravecon de eŭropa politika unuiĝo ĝenerale por la paco kaj precipe ankaŭ por la internacia lingvo. Li proponis kaj subtenis la aliĝon de IEF al la Itala Konsilio de la Eŭropa Movado, en kies gvida komitato li poste reprezentis IEF-on. Dum kelkaj jaroj li estis prezidanto de Eŭropa Esperanto-Unio; dum la 6-a EEU-kongreso en Bilbao (2004), li rezignis je la prezidanteco kaj estis nomumita Honora Prezidanto de EEU.

**PUBLIKAĴOJ**

1984, Co.Ed.Es. (Eldona Kooperativo Esperanto), Vocabolario Esperanto-Italiano, bazata sur PIV, kun 480 paĝoj; dua eldono en 1991.

1993, Nuovo Corso di Esperanto, per allievi e autodidatti, (nova kurso de esperanto por kursanoj kaj memlernantoj) eldonita de Co.Ed.Es. en la serio de Heroldo de Esperanto.

1996, broŝuro titolita Esperanto, lingvo planebla, ĉe Co.Ed.Es.

2004, la Eldonejo Zanichelli, kiu en Italio estas grava precipe en la kampo de vortaroj diverslingvaj kaj diversfakaj, aperigis vortaron Itala-Esperantan Esperanta-Italan (Dizionario Italiano-Esperanto, Esperanto-Italiano) kun 520 paĝoj.

Li verkis ankaŭ plurajn artikolojn pri lingvaj demandoj de Esperanto kaj pri eŭropaj temoj kaj esperantigis plurajn artikolojn aŭ eseojn de aliaj aŭtoroj el la itala.

En la Itala Antologio (Co.Ed.Es., 1987) troviĝas du liaj tradukoj el la itala poezia literaturo (Sant'Ambrogio de Giuseppe Giusti kaj Al Zakinto de Ugo Foscolo).

En kolekto de sonetoj de Giuseppe Gioachino Belli (Roma poeto de la unua duono de la 19-a jarcento) en Esperanta traduko el la Roma dialekto li kontribuis per tradukoj de (ĝis nun) 36 sonetoj.

Kiam la Transnacia Radikala Partio publikigadis sian gazeton La Partio Nova en pluraj lingvoj, li zorgis la esperantan eldonon.

Dum la UK en Florenco (2006) li ricevis Honoran Membrecon de UEA.

*El la portugala muzo...*

## La infanistino
**(portugale: A aia)**

**de Eça de Queirós,**

**trad. Eduardo Novembro, el la portugala**

Iam estis juna kaj brava reĝo — sinjoro de regno abunda je urboj kaj grenkampoj —, kiu deiris de sia hejmo por militi en foraj landoj, lasinte la reĝinon dronintan en malespero, tutsola kune kun ido ankoraŭ suĉinfaneto vindotuka.

La plenluno, vidinta lin formarŝi revante pri konkeroj kaj famo, apenaŭ ekmalkreskis, kiam unu el liaj vasaloj rehejmiĝis kun rompitaj armiloj, nigrigita per seka sango kaj elvoja polvo, por anonci amaran novaĵon de fatala malvenko kaj morto de la reĝo, meze de lia nobelara elito, trapikita de sep lancoj ĉerande de granda rivero.

Elkore la reĝino priploradis la reĝon, des pli ĉagrene vespiris pro la pereo de la bela sangvina edzo, plej angore plendis pri la patro tiel tragike orfiginta la fragilan heredonton de la regno, senhelpa manke de fortama brako por lin defendi meze de tiom da malamikoj.

Inter tiuj malamikoj, la plej timegiga estis lia onklo mem, bastarda frato de la forpasinta reĝo, fiulo sovaĝe malbonmora, plena je krudaj avidecoj, sopiranta al realeco nur pro ĝiaj trezoroj; de multaj jaroj loĝanta en surmonta kastelo, kune kun hordo de ribeluloj, kiel lupo li embuskas predon. Ho ve...! La kaptaĵo nun estas tiu reĝa bebo, kiu, kvankam sinjoro de tiom da provincoj, naivdormas ankoraŭ en sia lulilo kun ora tintileto enmane fermita!

En tuj apuda lulilo siavice dormas alia anĝeleto, naskiĝinta en la sama somera nokto kiel la princo, sed filo de la belfortika sklavino, kiu ĉe sia sino ambaŭ nutras. Kiam, antaŭ ol endormiĝo, la reĝino venas kisi la blondan fajnharan reĝidon, ankaŭ ame ŝi kisas la sklaveton, kies hararo estas nigra kaj krispbukla. Tiam, kvazaŭ juvelŝtonoj, vivipove brilas la infanaj okuloj. Nure, dum unu lulilo estas grandioz-ebura inter brokatoj, la alia verga kaj senornama. Tamen la fidela sklavino egale karesemas la du bebojn, ĉar

**Eça de Queirós**


"Eça de Queirós"
Rafael Bordalo Pinheiro

(1845–1900) estis la plej elstara romanisto de la portugal-lingva realismo.

Diplomato, kiu loĝis en Portugalio, Britio, Egiptio kaj Francio, sin dediĉis ĉefe al la romana ĝenro, unue naturisma kaj poste realisma. Verkis li kelkajn rakontojn, kies trajtoj foje montras la teknikon de la romanoj. "A aia" estas eble la rakonto, en kiu Eça plej bone enkadriĝas en la rakonta ĝenro. La simileco de ĉi tiu rakonto kun la popolaj rakontoj, laŭ la tekniko de rakontado, estas evidenta. "A aia" estas unu el la rakontoj plej legataj, kaj literature studataj, de la lernantoj en la portugaliaj lernejoj.

***João José Santos***

unu estas ŝia filo kaj la alia ŝia reĝo.

Naskiĝinta en tiu reĝa domo, la religion de siaj mastroj ŝi sampasie sekvis. Nenies plorado krom la ŝia estis tiom kortuŝe verŝita pro la reĝo, mortinta ĉerande de granda rivero. Ŝi apartenis al raso kredanta, ke la surtera vivo ĉiele pluas. Certe ŝia reĝa sinjoro jam troviĝas en alia transnuba regno, same abunda je grenkampoj kaj urboj. Lia batalĉevalo, liaj armiloj, liaj paĝioj, sendube estas, kune kun li, suprenirintaj en tiajn altaĵojn. Kaj liaj mortontaj subuloj prompte enpaŝas en tiun traeteran reĝejon, por repreni sian vasalecon ĉirkaŭ li. Iutage ŝi siavice rajdos sur lumradio, celante loĝi en sia mastra palaco, por tie denove ŝpini la linon de liaj tunikoj, kaj reeklumigi la krizalidon de liaj parfumoj; sindoneme kiel sur la tero, ŝi iĝos en la ĉielo servutece feliĉa.

Tamen, ankaŭ ŝi timtremas pro sia princĉjo. Kiomfoje lin lulante kontraŭ sia sino, ŝi pensas pri lia fragileco dum la ankoraŭ longa infanaĝo, pri la sekvontaj jaroj de lanta trairado ĝis li grandiĝos almenaŭ je la alto de spado; sed pli timigas ŝin tiu kruda onklo kun vizaĝo pli malhela ol nokto, kaj koro ankoraŭ pli sombra ol lia vizaĝo, tia ulo avidega je la trono kaj gvatanta de supre de sia alpo inter la cimitaroj de sia hordo! Ho, povra princanimo elkore ŝia! Tiam, kun pli intensa fervoro, ŝi lin premas en siaj brakoj, brakoj, kiujn ŝi tuj pli pasie etendas al sia balbutanta

filĉjo. Tiu ĉi, pro sia malriĉeco, nenion devus timi. Malfeliĉoj kaj sortobatoj neniel povus senigi lin je gloroj aŭ mondaj bonhavoj, kiujn li tute ne posedas, ĉar li nudkuŝis sub linblanka ŝirmilo en sia lulilo, havanta nenion. Verdire, ekzistado estas por li pli grandvalora kaj inda je bonteniĝo ol tiu de la princo, ĉar nenia el la penigaj zorgoj nigrigantaj la mastrajn sintenojn flugtuŝus lian libersimplan sklavanimon. Do, kvazaŭ lin amante pli, danke al tiu benplena humileco, la patrino kovris lian grasdiketan korpon per fortviglaj kisoj — kisoj, kiujn ŝi tamen flirtigis sur la manojn de la princo.

Sed timego invadis la palacon, kie nun regas virino inter virinoj. La bastardo, predserĉa viro eraranta en la montarsuproj, estis descendanta, kune kun sia hordo, sur la ebenaĵojn por tie semi morton kaj detruojn tra la ĝis tiam feliĉaj biendometoj kaj vilaĝoj. Pli sekurfortajn ĉenarojn oni haste metas sur la urbajn pordojn. Ĉe la gardturoj pli altaj fajroj brulas. Tamen, ene de la defendantaro mankas vira disciplino. Ŝpinbastono ne regas kiel spado. La tuta fidela nobelaro estis pereinta dum la katastrofa batalo. La malbonŝanca reĝino nenion pli kapablas fari ol ĉiumomente alkuri al la lulilo de sia filo kaj sur lin plori la vidvinan feblecon. Nur la fidela infanistino ŝajnas firmdecida, kvazaŭ la brakoj per kiuj ŝi amstringas la princon estus muregoj de citadelo netranspaseblaj de iu ajn maltimulo.

Nu, iun nokton, silentan kaj malluman, jam senvesta kaj endormiĝonta en sia litaĉo inter siaj du infanoj, ŝi divenas, pli ol sentas, ferajbruojn kaj bataleton malproksime en la reĝaj fruktejoj. Haste, sin envolviĝante per simpla tuko, kun la hararo malantaŭen ĵetita, ŝi anksie subaŭskultadas. Sur la sablokovrita grundo, inter la jasminejoj, pezakraj paŝoj preterkuras. Tuj poste aŭdiĝas ĝemo, sekvata de surda surplatŝtona falo de korpo. Tie for, ĉe la fundo de la galerio, ŝi ekvidas virojn, brilegon de lanternoj, armilrefleksojn... Flugrigarde ŝi antaŭvidas ĉion: la palaco surprizota, la senkompata bastardo enironta por forrabi  kaj mortigi ŝian princon. Tiam, rapide, neŝancele, senhezite, ŝi forprenas la reĝidon el la ebura lulilo, lin kuŝigas en la servilvergan, de kie ŝi fortiras, inter kordoloraj kisadoj, sian propran filon, lin ripozigante en la eburan liteton per brokatoj kovrita.

Abrupte, enorma ekflamvizaĝa viro, kun nigra kapoto sur maŝkuto, aperas antaŭ la



porda ĉambro kune kun aliuloj portantaj lanternojn. Li ĉirkaŭrigardas, alkuras al la ebura lulilo, ŝirmita sub brilbrokatoj, de tie forprenas la infanon, kvazaŭ ŝtelante burson da oro, per la mantelo mallaŭtigas liajn kriojn, kaj tuj impetas eksteren.

La princo daŭre dormas en la alia liteto, la infanistino restas senmova, en la silenta tenebro.

Sed alarmaj ekkrioj subite tondras en la palaco. Tra la vitroj preterŝoviĝas longa flagrado de torĉoj. En la kortoj resonas interfrapado de armiloj. Distaŭzita, preskaŭ nuda, la reĝino enrompas en la dormejon inter ĉambristinojn, plorpetegante por sia filo. Ekvidante la eburan lulilon malplena kaj la litaĵojn malordigitaj, ŝi falas surgrunden larmverŝe, korŝirita. Tiam, silenteme, tre pala, la infanistino malkovras la povran vergan liteton... Tie, kviete endormiĝinta, restas la princeto en ridetiganta sonĝo, kiu pli radiigas lian vizaĝon garnitan per oraj haroj. La patrino sin ĵetas sur la lulilon, elspire, kvazaŭ mortanta korpo.

En tiu momento, alia ekbruo tremigas la marmoran galerion. Jen la gardistara kapitano kun siaj fideluloj. Tamen la eĥoj de tiaj krioj estas pli tristaj ol triumfaj. La bastardon oni estis sukcesinta mortigi. Kaptita dum fuĝo, inter la palaco kaj la

citadelo, de la forta pafarkista legio, li estis venkita tuj pereinta, kune kun plia dudeko da sikarioj siaj. Tie restas nun lia korpo ĉeflanke sagvundita, en sanga flako. Sed, ho ve! Kia sennoma doloro! Ankaŭ la delikata korpeto de la princo tie restas per mantelo kovrita, jam frida, violkolora pro strangolado fare de ferocaj manoj. Tumulte la batalantoj disaŭdigas la kruelan novaĵon, kiam la reĝino, fascinita, inter larmoj kaj ridoj, elmontras en siaj brakoj, la ĵus vekiĝantan princon.

Surpriziĝo kaj aklamado. Kiu savis lin...? Kiu...? Jen staras apud la malplena ebura lulilo, mute hirta, tiu, kiu lin savis: la sublime lojala sklavino! Estis ŝi, kiu, por savi sian princon, estis submetinta al morto sian propran filon... Tiam, nur tiam, la feliĉa reĝino, eliĝante el sia ĝojekstazo, pasie brakumas la suferantan patrinon, ŝin kisas kaj nomas kora fratino. Kaj el inter la amaso kunpremita en la galerio aŭdiĝas nova arda aklamado, kun pledoj por grandioze repagi la admiregindan servistinon, kiu estis savinta la reĝon kaj la regnon.

Sed kiel? Kiom da bursoj da oro povus pagi la vivon de unu filo? Tiaokaze nobelkasta maljunulo sugestas, ke oni konduku ŝin al la regna trezorejo, por ke ŝi mem elektu el inter la tieaj riĉaĵoj — la plej valoraj el Hindio — ĉiujn de ŝi dezirotajn.

Ŝian manon la reĝino mildtuŝe prenas. Kun vizaĝo ne perdanta la marmoran rigidecon, kaj per kvazaŭ mortema irado, sonĝosimile, tiel ŝi lasas sin konduki al la trezora ĉambro. Sinjoroj, vartistinoj, militviroj, ĉiuj postsekvas kun tiom emociigita sinteno, ke apenaŭ aŭdiĝas la preterpaŝado de sandaloj trenataj sur la ŝtonplataro. Lante rulglitas la dikaj pordoj de la trezorejo. Kiam iu servutulo malriglas la fenestrojn, tuj la jam rozkolora heleco de la mateno enĵetiĝas tra la ferajn kadrarojn por eklumigi mirindan fulmradiadon de oro kaj juveloj. Disde la roka grundo ĝis la sombraj volboj, ĉio rebrilas, scintilas, brilegas: oraj ŝildoj, enkrustitaj armiloj, diamant- kaj monerstakoj, longaj perlo-saltieroj, ĉiuj riĉaĵoj de tiu regno amasigitaj de cent reĝoj dum dudek jarcentoj. Miriga, longdaŭra "HAAAA...!" trakuras kaj mutigas la amason. Poste estiĝas nur anksia silento. Meze de la ĉambro, ĉirkaŭita de ravanta majesto, la infanistino ne moviĝas. Nur ŝiaj brilsekaj okuloj fiksrigardas tiun ĉielon, kiu trans la kradoj roze kaj ore koloriĝas. Tie, en tiu matenfreŝa ĉielo nun restas ŝia filĉjo. Tie li restas, jam la suno leviĝas, jam ŝi malfruiĝas, kaj ŝia infaneto certe ploradas penante trovi ŝian sinon...! Tiam ŝi ridetas kaj etendas la manon. Ĉiuj senspire rigardeme sekvas tiun lantan moviĝon de malfermita mano. Kian mirindan juvelon, kian diamantan kolĉenon, kian plenmanon da rubenoj ŝi estus elektonta?

La infanistino plu etendas la manon, kiu preteriras super apuda skabelo, kaj, inter aro da armiloj ĉiuspecaj, ŝi deprenas ponardon per smeraldoj enkroĉigita; ponardo aparteninta al maljuna reĝo, valoranta tutan provincon.

Prenante tiun ponardon, ĉemane vigle kunpremita, ŝi elmontras ĝin al la ĉielo, kie la unuaj sunradiadoj supreniras, alrigardas al la reĝino, al la amaso, kaj priplore ekkrias:

— Mi savis mian princon... kaj nun mi iras mamnutri mian plejkaruleton!

La ponardon ŝi tuj sekve enabismigas en sian koron...

---

*En karavelo esperantisma...*



***de Nikolaj Neĉaev***

***pentraĵo de Salvador Dali***



*El la portugala muzo...*

# Don Johano La Sesa...
# ... ĉu fuĝinto aŭ heroo?

***de João José Santos***

***Antaŭ 200 jaroj, en 1808, la portugalia reĝa familio alvenis al sia kolonio Brazilo. Neniam antaŭe iu ajn eŭropa reĝo estis vojaĝinta ekster Eŭropo. Kio motivis, ke la portugala reĝo, kune kun ĉirkaŭ 15,000 homoj, trapasis la Atlantikon por loĝi dum 13 jaroj en sia ekzota kolonio?***

## LA NAPOLEONAJ INVADOJ

Kiel sciate, en la fino de la 18-a jarcento, la tuta Eŭropo estis kontrolata de la multnombraj napoleonaj militistaroj. Preskaŭ ĉiuj landoj subiĝis, vole aŭ kontraŭvole, al la povo de la Imperiestro. Nur du landoj restigis tiam sian sendependecon de la napoleonaj fortoj: Anglio kaj Portugalio. Anglio jam estis tiam la reĝino de la maroj, kaj Portugalio jam estis tiam perdinta sian protagonismon kiel potencan landon. Tiam reĝis en Portugalio, Don João Maria José Francisco Xavier de Paula Luís António Domingos Rafael de Bragança, konata kiel Don Johano La Sesa.

Hispanio estis subiĝinta al la povo de Napoleono. Portugalio ludis tiam la danĝeran ludon de la ambaŭflanka amikeco. Unuflanke ĝi ŝajnigis esti agrabla al Napoleono, aliflanke restigis oldan aliancon kun Anglio. Tiam, Napoleono minacis invadi Portugalion (kion efektive li faris trifoje), se la portugalia reĝo, Don Johano La Sesa, ne fortranĉus la aliancon kun Anglio. Anglio sendis spertan admiralon kun mararmeo por kontroli la politikan situacion en Portugalio.

Don Johano La Sesa atendis do kaj la francojn kaj la anglojn, kies ambaŭaj intencoj estis la subiĝo de Portugalio al iliaj povoj, kaj kune kun Portugalio subiĝus ties kolonioj: Brazilo, Angolo, Mozambiko, Gvinebisaŭo, Kaboverdo, Santomeo kaj Princo, la portugaliaj kolonioj en Hindio, Timorlesto kaj Makao. La tiama milita forto de Portugalio estis praktike nula, des pli se oni komparas ĝin kun la franca kaj la angla potencoj. Kion faris la portugalia reĝo Don Johano La Sesa? Antaŭ ol respondi al tiu demando, oni komprenu, kiu estis Don Johano La Sesa, kiel



*Don Johano La Sesa, reĝo de Portugalio*

*(Lisbono 1767 - Lisbono 1826)*

li reĝiĝis kaj kiuj estis liaj familianoj.

## KONDAMNO AL REĜECO

Don Johano estis la dua filo de la portugalia reĝino Don Mario La Unua. Lia plej aĝa frato, Don Jozefo, estis mortinta en 1788, tiam 27 jaraĝa, ĉar lia tro katolika patrino rifuzis al li vakcinon kontraŭ variolo. Laŭ la piega reĝino, Dio plej ordonas, kaj do ŝi kaj ŝia familio ne bezonis la helpon de la medicino, kaj devis do vivi laŭ la cirkonstancoj, kiuj estis de ŝi ĉiam interpretitaj kiel “la volo de Dio”. Konkludo: ŝia plej aĝa filo, Don Jozefo, edukita por estiĝi reĝo, mortis pro variolo.

Don Johano ne volis estiĝi reĝo, sed devis akcepti tion... ĉar tia estis la dia volo. Oni diru preterpase, ke tia religia koncepto estis unu el la kaŭzoj de la disfalo de Portugalio en abismon, el kiu nur duone dormeme la lando ekvekiĝis ekde la dianta revolucio, en la 25-a de aprilo 1974. Se al tiu religia koncepto, oni aldonas la forton de inkvizicio, kaj la pigran teniĝon de popolo, kiu estis alkutimiĝinta preni la riĉecon el foraj kolonioj, anstataŭ produkti sian riĉecon, oni bone komprenas la mizeran situacion, al kiu la lando alvenis en la 20-a jarcento.

Post la morto de ŝia unua filo, Don Mario freneziĝis, kaj do Don Johano regis la imperion en nomo de sia patrino, ĝis ŝia morto, kiam li surtroniĝis. Lia patro, Don Petro La Tria, jam estis mortinta en 1786. Pro esprim-simpleco, en ĉi tiu artikolo, la vorto "reĝo" estas uzata kiel epiteto por Don Johano La Sesa, kvankam en la komenco li estis reĝanta princo, kaj nur post la morto de sia patrino, li surtroniĝis.

Pro konvenoj de la portugalia krono, kio montriĝis fakte malkonvena por ĝi kaj por la reĝo, Don Johano edziĝis al la hispana princino Don Karloto Ĝoakino (portugale, Dona Carlota Joaquina). Lia edzino montriĝis perversa dum la tuta vivo, ne nur perfidante la reĝon kun amorantoj (supozeble sed tre probable), kiel ankaŭ perfidante lin kiel reĝon. Efektive, Don Karloto pasigis la tutan vivon en intrigoj kaj fipolitikaĉoj kontraŭ la edzo kaj la regno, por ŝteli de li la reĝecon. La geparo havis du filojn kaj ses filinojn. Laŭ onidiroj, la lastaj filinoj ne plu estis naskigitaj de Don Johano.

En Lisbono, la reĝo loĝis en Monakejo Mafro (portugale: Convento de Mafra)[1] kune kun centoj da monakoj. La reĝino kunloĝis en Palaco de Keluzo (portugale, Palácio de Queluz), kune kun la bopatrino kaj la gefiloj.

Jen do viro, kiu ne estis edukita por esti reĝo, filo de la reĝino, kiu intertempe estis freneziĝinta, edzo de princino kiu lin perfidis kiel ino kaj kiel politikisto, ĉirkaŭita de religiaj fanatikuloj, kaj de homoj kies intencoj estis suĉi kiel eble plej multe el la kunvivado kun la reĝo. Se tiu situacio jam estis sufiĉe malagrabla kaj despera, Don Johano havis nedecideman karakteron, kaj havis vizaĝajn trajtojn kaj teniĝajn kutimojn, kiuj lin ridindigis. Povra Don Johano La Sesa! Estis tiu la homo, kiu sin trovis inter la martelo kaj la amboso, t.e., inter la franca kaj la angla perfortaj potencoj.

## INTER LA MARTELO KAJ LA AMBOSO

Napoleono minacis invadi Portugalion, kaj fakte plenumis la minacojn. Don Johano, nedecidema kiel ĉiam, postlasis ĝis la lasta tago la decidon, ĉu subiĝi al Francio, ĉu al Anglio. Kompreneble, neniu el la situacioj estis konvenaj. La francoj kaj la angloj do



*"Napoleono Bonaparto"*

*Jacques-Louis David*

agis laŭ siaj interesoj. Napoleono sendis 50,000 francajn kaj hispanajn militistojn, kiuj invadis la landon. Francio kaj Hispanio jam havis planon por dividi kaj partopreni Portugalion kaj ties koloniojn.

La angla reĝo sendis mararmeon kun laŭŝajna helpo al Don Johano, por lin eskorti, kune kun la reĝa familio kaj la portugalia nobelaro, al la portugalia kolonio Brazilo, de kie la reĝo estrus la portugalian imperion, ĝis kiam la milita situacio en Eŭropo permesus, ke la reĝo kaj lia sekvantaro revenu denove al Lisbono. Estrante la anglan mararmeon venis la admiralo Sir Sidney Smith, kune kun 7,000 anglaj militistoj. Fakte, tiu estis la plano A de Sidney Smith: eskorti la reĝan familion al Brazilo, kaj, per tiu komplezo, kontroli la portugaliajn internaciajn negocojn, ĉefe rilate al la riĉa kolonio Brazilo. Tamen, ekzistis plano B. Du monatojn antaŭe, la sama Sidney Smith estis detruinta la tutan Kopenhagon, ĉar la danoj ne volis alianciĝi

1 La agado de la mondfama verko, de la portugalia nobelpremiito José Saramago, *Memorial do Convento*, okazas en tiu sama monakejo.

kun la angloj, kaj do ili pagis sian heroecon de liberaj homoj per detruo de sia ĉefurbo. Dum kvar tagoj kaj kvar noktoj, la angloj bombadis la danan ĉefurbon ĝis la kompleta detruado de la urbo. Tiam mortis 2,000 danoj. Kio postrestis estis forrabita de la angloj. Don Johano havis du eblecojn: la unua, resti en Portugalio, vidante la detruon de Lisbono far la angloj (la plano B de Smith), kiuj poste militus kontraŭ la francoj en portugalia grundo, detruante la ceteron; en tiu proceso, certe li mem mortus, tiel kiel lia tuta familio kaj multaj nobeloj, krom la popolo, kompreneble. La dua ebleco, akompani Sidney Smith al Brazilo, de kie la reĝo povus reorganizi la reĝlandon. La ideo translokigi la politikan centron de la imperio de Lisbono al Rio-de-Ĝanejro jam estis antikva en Portugalio. Jen do, la militaj cirkonstancoj estis trudantaj la nedecideman Don Johano La Sesa al la efektivigo de tiu antikva ideo.

Historiistoj kaj la simpla popolo ĉiam priparolis, ke Don Johano La Sesa estis malkuraĝa reĝo, kiu forfuĝis al Brazilo. Fakte, li ne fuĝis, ĉar tiam Brazilo ankaŭ estis portugalia teritorio. Li translokigis la politikajn strukturojn de la lando al alia urbo de la imperio, kio montriĝis fakte la plej saĝa el la eblaj decidoj. Napoleono, komentante la ruzaĵon de Don Johano La Sesa asertis, en siaj skribitaj memoraĵoj: "Tiu estis la ununura, kiu trompis min!"

Post la translokigo de la korto al Brazilo, la lando estis invadata de francoj, kiuj luktis kontraŭ la alianco angla-portugala. La malrespekto de ambaŭ, kaj francoj kaj angloj, en tiu milita scenejo estis tro evidenta. La popolanoj foje eĉ ne sciis kiuj pli ŝtelis ilin, ĉu la francaj malamikoj, ĉu la anglaj fiamikoj. La portugalaj inoj estis sekse perfortitaj, jen de francoj jen de angloj. La tiamaj portugalaj kutimoj estis ridindigitaj kaj de francoj kaj de angloj. Estas nekompreneble, ke kelkaj popoloj sin sentas superaj al la aliaj, ne rimarkante sian vantan stultecon.

## TRANSLOĜADO AL BRAZILO

La transloĝado okazis sen antaŭa preparo, ĉar ĝis la lasta momento, Don Johano pripensis aliajn eventualajn solvojn por la danĝerega situacio. En la antaŭa tago de la franca invado, la reĝo, la reĝino, la reĝa patrino, la gefiloj kaj aliaj familianoj, la



*Konfuza enŝipiĝo al Brazilo, lasthore decidita.*

amikoj kaj la nobelaro, la plej gravaj oficistoj, en kvanto ne certe konata, sed kiu eble proksimiĝis al 15,000 homoj, prenis rapide siajn havaĵojn, sin metis en diverstipajn ŝipojn kaj foriris al Brazilo. Tiam Lisbono enhavis ĉ. 200,000 enloĝantoj. Don Johano forprenis tiam ĉiujn eblajn riĉaĵojn, kiujn li kunportis al Brazilo: ĉ. 100 milionoj da eŭroj. Don Mario La Unua, la freneziĝinta reĝino, kiu poste mortis en Brazilo, en la momento de la necesa forrapidiĝo al la kajo, diris al siaj subuloj: "Pli malrapide! Oni pensos, ke ni fuĝas!" Temas pri ridinda moralzorgo de freneza reĝino, sed kiu montras la honton sentitan de la kompatinda sinjorino, en tia despera situacio. En la kajo, pro forgeso, restis riĉegaĵo en arĝento kaj 60,000 libroj de la reĝa biblioteko, eble la plej granda en Eŭropo en tiu tempo (kvankam la reĝo kaj familio estis preskaŭ analfabetaj). Poste, tiu biblioteko iris al Brazilo, kaj enparte revenis post 13 jaroj. En tiaj vojaĝoj, la manuskripto de *La Luzidoj* malaperis porĉiame. La arĝento estis ŝtelata de la francaj invadantoj, kiuj ĝin fandis kaj forportis. La stato de la ŝipoj estis priplorinda. La enŝipaj vivkondiĉoj estis la plej aĉaj. Ĉio mankis, eĉ akvo por banoj. La filo de la reĝa bibliotekestro, kiu foriris kun la reĝo, en leteroj al sia patro, rakontas la plej profundan mizeron vivatan eĉ de la reĝaj damoj, en tiu vojaĝo. Kiam ili alvenis al Brazilo, multaj el la inoj apenaŭ havis hararon, ĉar pedik-invado trudis ilin tondigi la hararojn. Kiam la tieaj inoj, vidis tiajn inajn kapojn, ankaŭ ili tondigis al si la hararon, ĉar ili pensis, ke temis pri eŭropa modo.

## KIEL ONI NASKIGAS LANDON

La agado de Don Johano La Sesa en Brazilo estis tiel grava, ke nevole li rapidigis

la sendependecon de Brazilo. Fakte, kaj malgraŭ kelkaj lokaj ribeloj, ne ekzistis en la kolonio Brazilo ĝenerala volo de sendependiĝo. La tiatempaj portugaloj, kiuj loĝis tie, sin sentis portugaloj, kaj la termino "brazilano" signifis "la homo negocanta pri brazil-ligno". Sen la translokigo de la reĝo al Brazilo, ĝia sendependeco okazus pli malfrue, Brazilo ne estus tiel granda, kaj eble nuntempe ekzistus diversaj landoj parolantaj la portugalan en Brazilo. La ĉeesto de la reĝo en Brazilo, dum 13 jaroj, unuigis la tutan teritorion de la kolonio ĉirkaŭ la figuro de la reĝo, kiun ili fakte amis. Don Johano devis tie restarigi ministeriojn kaj ŝtatajn instancojn por estri la imperion. Tiuj politikaj strukturoj restis en la tiama kolonio kaj faciligis ĝian sendependecon. Krome, dum tiu tempo, Don Johano kreis gravajn entreprenojn por la brazila komerco, kaj leĝojn kiuj malfermis la komercon de Brazilo al la cetera mondo. La unua imperiestro de Brazilo estis la unua filo de Don Johano, t.e. Don Petro La Kvara de Portugalio, La Unua de Brazilo.

Kiam Don Johano La Sesa revenis al Portugalio, li lasis en Brazilo sian plejaĝan filon Petro kaj lin diris: "Petro, se Brazilo sendependiĝos, pli bone ke ĝi estu por vi, ol por iu ajn alia."

## KONKLUDO

Don Johano La Sesa vivis en la plej doloriga kaj politike kompleksa situacio okazinta en Portugalio dum ĝia preskaŭ 900-jara historio. Kvankam ne edukita por estiĝi reĝo, li ne fuĝis de tiu responso. La historiistoj agnoskas lian diplomatian talenton kaj la fakton, ke la popolo kaj la homoj kiuj privatis kun li, lin ŝatis. Multfoje li sin montris super la cirkonstancoj, ĉefe sciante defendi la honoron de la familio, kvankam lia edzino estis politike perversa kaj edzine skandala. Prave la portugala popolo, en Portugalio kaj en Brazilo, abomenis Don Karloton. Lia unua filo, Don Petro, estis edukita de li mem. La dua, Don Mikaelo, kiu ankaŭ estiĝis reĝo de Portugalio, sed ne de Brazilo, estis edukita de Don Karloto. Don Petro La Unua de Brazilo (La Kvara de Portugalio) estis amata de brazilanoj kaj portugaloj.

Jam denove en Portugalio, en kompleksa enlanda milita situacio, en kiu Don Mikaelo, fie misgvidita de la patrino, ribelis kontraŭ la patro, Don Johano vokis lin ĉe si, kaj havis moralpatran forton por finigi la militon,



*Don Karloto (1775-1830)*
*edzino de Don Johano la Sesa*

*portreto de la samtempa franca*
*pentristo Jean-Baptiste Debret*

konsciigante la filon pri la situacio. Don Mikaelo tiam petis la pardonon de la patro.

Don Johano estis malbela, maleleganta, manĝegemulo, timis krabojn kaj ne plaĉis al li baniĝi. Certe li havis ankoraŭ pli da difektoj. Tamen, se la mensoj de la 21-a jarcento ne estas tro infektitaj de la viruso de la maltoleremo, nepre devas agnoski, per la objektiva analizo de la politika ago de Don Johano La Sesa, ke malmultaj ŝtatestroj kapablus politike agi pli bone ol li, en tiaj malfavoraj cirkonstancoj.

## ĈEFA BIBLIOGRAFIO

**1.** WILCKEN, Patrick, *Império à deriva*,

Porto, Livraria Civilização Editora, 2004,

328 paĝoj. El la angla: *Empire adrift.*

**2.** GOMES, Laurentino, *1808*,

Lisbono, Publicações D. Quixote, 2008,

350 paĝoj. Unue, publikigita en Brazilo.

**Noto:** Ambaŭ libroj havas detalajn bibliografiojn nepre konsultendajn de la interesataj esploristoj.



